# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

*Google Translate* *Plena Ilustrita Vortaro*

**PLENUMITA 06/07/2017 Tricentdudeknaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;





**Redaktoro Roger Springer** **Provlegita de Vera Payne**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **926,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. A.



Esperanto konsistas el vortoj, kiuj vortoj indikas, kion ni perceptas, do vidas, aŭdas, gustumas, sentas, scias. Ĉar ni kapablas dividi la aferojn kiujn ni perceptas en diversajn specojn, ni same dividas en diversajn specojn la vortojn kiujn ni uzas. Konsekvence ĉiu vorto apartenas al unu el la pluraj specoj perceptataj. En Esperanto, kiel en eŭropaj lingvoj, oni pro la formo ofte vidas, al kiu vortospeco apartenas iu vorto. En tia kazo la formo de Esperanta vorto entenas finaĵon kiu indikas la specon. Sed la parto sen tia finaĵo, kiun oni nomas la radiko kaj kiu radiko estas interne neŝanĝebla en Esperanto, jam apartenas, kvankam nevideble, al unu el la vortospecoj. Tiuj vortospecoj nomiĝas “gramatikaj kategorioj”. Pri ĉiu radiko oni do devas lerni, al kiu vortkategorio ĝi apartenas. Por eŭropanoj tio estas sufiĉe facila, ĉar la Esperantaj kategorioj estas preskaŭ ĉiam samaj al tiuj de la eŭropaj lingvoj. Ĉar la plej komunaj vortoj ricevas unu el la specialaj kategoriaj finaĵoj, ni tre rapide, kaj samtempe kun la vorto, lernas la kategorion por ĉiu el tiuj komunaj vortoj. Nur kiam ni mem kreas vorton per alikategoriado ni devas ekcerti pri la kategorio de la radiko. Ekzemple ĉu “glu-“ estas verbo kaj oni do (kun)gluas du aĵojn per gluilo, do la aĵoj (kun)gluiĝas, aŭ ĉu ĝi estas substantivo kaj la du aĵoj do (kun)gluas per gluo?

(daŭrigota)

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

**Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.**

**Bona rakonto kaj bona Esperanto**



## Ĉapitro 1 Mia infanaĝo (12a parto)

Kelkajn semajnojn poste estis mia 8-a naskiĝtago, do la 11-a de julio, se iuj el vi deziras gratuli min ! kaj familianoj kaj parencoj venis kun gratulkartoj kaj donacaĵoj. Onklo Johano donacis al mi arĝentan poŝhorloĝon, kun ŝlosilo kaj ĉeno. Ĝin oni pendigis sur la liton, kaj la flegistino devis esti eĉ tre sigarda, kiam ŝi levis kaj mallevis la litoflankon. Mi kuŝis en tre malmoderna lito. La pli modernaj litoj ankoraŭ ne estis inventitaj.

Jes, eble ĉio estis en ordo, sed mi ne fartis sufiĉe bone. Daŭre doloris en la stomako. Oni ĉiutage purigis la vundon, kaj ĝi komencis resaniĝi. Kelkajn semajnojn poste oni malkovris, ke la interno de la vundo estas infektita. Do, ree en la operaciejon, ĉifoje oni ligis min al la operacia breto, ĉar mi estis tre sidefendema, sufokis min per etero, mi vekiĝis en la mezo, voĉo diris, "pli da etero ktp.", kaj mi vekiĝis en mia lito la postan matenon. Ree mi vomis, ree venis Paĉjo, ree li devis eliri por spiri freŝan aeron. Sed ĉi foje oni sukcesis teni la vundon pura.

Mia paĉjo promesis fari gazonon al mi malantaŭ la laŭbo, post kiam mi revenos hejmen. Mi antaŭĝojis. Propra gazono, tio estas io, ĉu ne ? Tie mi povos sidi kaj legi, bone, eĉ bonege !

Du monatojn post la unua operacio mi rajtis iri hejmen. Antaŭ ol iri hejmen oni decidis bani min en bankuvo da varma akvo. Neniam antaŭe en mia vivo mi kuŝis en bankuvo. Kaj varma akvo, kia lukso ! Furiozis la milito, kaj neniu rajtis uzi varman akvon, ankaŭ ne la malsanulejoj, sed tamen ili havis iom da ĝi. Du monatojn mi ne estis lavita, neniu povas miri, ke mia paĉjo devis eliri el la ĉambro. Ne nur la etero odoraĉis, sed ankaŭ mi. Mi kuŝis nuda en la bankuvo, kun iom da varma akvo, kiu apenaŭ kovris min.

La flegistino lavis min. Nur tiam oni trovis, ke mi intertempe suferis pro infektita prepucio, kaj puriĝinte mi rajtis iri hejmen. Paĉjo akompanis min hejmen. Ni iris per la flava buso. Je mia konsterniĝo mi konstatis, ke mia maldekstra kruro estis rigida. Post dumonata kuŝado en lito, ĝi forgesis kiel iri !

Ni eliris el la buso, kaj eniris la vendejon. La vendejisto donis al mi stangetobombonon, dirante, ke li kredis, ke mi estis enmalsanulejigita pro cekumito, kaj ne pro rigida kruro. Klarigis al li mia patro, ke la kruro intertempe forgesis sian devon.

*Daŭrigota* Bob Felby

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Unu lerneja leciono pri Esperanto!"




Esperanto estas planita lingvo, kiu verŝajne preskaŭ nenie estas oficiale fiksita en la instruplanoj de la lernejoj. Tial mankas grava subteno por sciigi al pli vasta publiko pri

la eblecoj kaj avantaĝoj de Esperanto por la internacia komunikado. Tio estas la celo de ĉi tiu propono: "Unu lerneja leciono pri Esperanto!"

### *Broŝuro jam en kvin lingvoj havebla* [Broŝuro pdf]

En kunlaboro kun Lu Wunsch-Rolshoven de la asocio EsperantoLand kaj Jürgen Wulff de “Esperanto Hamburg” mi eldonis en la jaro 2015 etan broŝuron por instruado en germanaj lernejoj.

La germana titolo estas “Eine Schulstunde über Esperanto”, angle “A lesson about Esperanto”, france “Une leçon d'Espéranto” kaj nun ankaŭ en la turka lingvo “Esperanto hakkında bir saatlik ders”. Por la kreado de versioj en pliaj lingvoj ekzistas ankaŭ Esperanto-versioj, "Unu leciono pri Esperanto". La broŝuroj estas elŝuteblaj ĉe: http://esocom.de/klausfriese/eo-stunde/unuhoro.html

### *Lernejanoj eksciu iom pri Esperanto kaj la nuna Esperantujo*

La ideo estas, ke ĉiu lernanto estu atentigata pri Esperanto minimume dum unu instruhoro en lernejo; la lernantoj ankaŭ iom eklernu la lingvon. Tio povas okazi ekzemple en anstataŭa instruado, en la fremdlingvaj klasoj, ĉe la instruado de la gepatra lingvo aŭ de historio. Fakte eĉ en matematiko, ĉar la sperto montras, ke Esperanton ofte lernas ĝuste matematikistoj.

La lingvo estas regule konstruita kaj ĝi bezonas malpli da lernado ol aliaj lingvoj.

La koncepto, priskribata sur ok paĝoj, ofertas skizojn por du instruhoroj, kiuj taŭgas por la enkonduko de Esperanto, eĉ se la instruisto mem ne konas Esperanton.

### *Petskribo ĉe AVAAZ.org*

Renato Corsetti subtenas la agadon kaj lanĉis peticion ĉe AVAAZ.org en la angla lingvo *“to be delivered to all the ministries of education in the world and to all teachers in all countries of the world”.*

https://secure.avaaz.org/en/petition/Teachers_and_Esperantospeakers_To_have_one_lesson_about_Esperanto_in_schools/

### *Persona vizito ĉe lernejoj*

En Hamburgo mi vizitis pli ol 100 lernejojn kaj tie transdonis la broŝuron. Ofte mi donis la materialon al la sekretario, sed kelkfoje mi eĉ havis la ŝancon kontakti la lernejestron kaj povis aldoni klarigojn pri la ideo.

Nun mi esperas, ke la projekto estas ankaŭ subtenata de la Esperanto Societo de Ŝikago. Elŝutu la broŝuron, faru multajn kopiojn, venu kun ili al multaj lernejoj kaj tie transdonu ilin prefere al la estroj. Eble donu pliajn ekzemplerojn al unuopaj instruistoj.

Krome informu viajn samideanojn en aliaj landoj!

Bonan sukceson deziras al vi

*Klaus Friese*



Informis nin *Renato Corsetti*

**Estas tre grava por Esperanto ke multegaj homoj subskribu la suban gravan peticion**




The world's largest and most effective online campaigning community for change

## Having one lesson about Esperanto in schools



Created by
Renato C.
Italy

https://secure.avaaz.org/en/petition/Teachers_and_Esperantospeakers_To_have_one_lesson_about_Esperanto_in_schools/

# Ĉu vi subskribs la peticion?




Esperanto bezonas milionojn da nomoj. Kion faras la milionoj da Esperantistoj? Subtenu nin!

*Roger Springer*





## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.



Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo.

La 1an de Julio venis la kvin Esperantistoj, Roger, Michael, John, Eunice kaj Ian.

Tre malvarma tago. Ni legis iom por kontroli/ekzerci la prononcon.

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperanto-klubon kaj raportas al AE pri la klubo.* *Roger Springer*



# Ĉu soldato ne estas homo?



Kara Roger

Koran dankon pro la bone redaktita "Aŭstraliaj Esperantistoj".

Mi rimarkis, ke ankaŭ vi ne bone komprenas kial soldato estas nomata heroo, kiam li mortigas alian soldaton. Ambaŭ soldatoj estas ja nur intense doktrinigitaj de siaj lernejoj, kiuj akceptis la ordonojn de siaj registaroj, ke oni estas heroo, se oni mortigas aliajn homojn. Ambaŭ soldatoj valoras same. Ili ne konas unu la alian, neniam en siaj vivoj ili insultis nek ofendis unu la aliajn, sed tamen la stultuloj nomas ilin herooj, se ili mortigas unu la alian.

Sed kompreneble nur kiam tio plaĉas al la politikistoj. Se oni mortigas homon, kiu priŝtelas onin, oni ne estas heroo, oni estas krimulo.

Tio sonas kiel stultaĵo, verŝajne nur pro tio, ke tio vere estas vera stultaĵo. La registaro diktas stultaĵojn kaj estas nia devo serioze mense pritrakti ĉu valoras sekvi kaj obei la stultajn ordonojn aŭ ne. Fine oni devas ja sekvi ankaŭ sian konsciencon, se oni havas ion tian, ĉu ne?

Fartu bone, eĉ bonege, *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĉirkaŭ mia ĝardeno kaj aliie.





A. Roger demandas: "Ĉu soldato ne estas homo?". Fakte mi pensas, ke laŭleĝe soldato ne estas homo. Li estas armea rekrutito apartenanta al la nacia registaro, kaj por la nacio, kiu ja posedas lin, li estas simple unu el la instrumentoj de la armeo de la nacio. Li ne plu estas homo kun siaj homaj rajtoj en la nacio.

B. Ĉu mi pravas komprenante ke la grandaj kompanioj maldungas laboristojn por "krei pli da laborpostenoj"? Kaj ke ili deziras malpli da impoŝto por doni parton de la mono al akciistoj kiuj tiel pagos pli da impoŝto?

C. Ĉar, antaŭ pluraj monatoj, Bob Felby verkis en A.E. artikolon por klarigi siajn religiajn kredojn, mi trovas ke estos utila ke ankaŭ mi klarigas miajn religiajn kredojn. Mi naskiĝis kaj edukatis en lando kiu, kiel Francujo havis antaŭ jarcento, havis sufiĉe faman kaj tre amatan kristanan predikiston. Tiom fama, ke eĉ la katolikoj amis lin, kio en tiu tempo estis neimagebla ĉar la predikisto estis t.n. Protestanta, kontraŭa al la katolika eklezio. Nu, duone tra sia vivo li fariĝis, pro siaj studoj, ateisto, kaj post tio multe propagandis ateismon. Malsame al aliaj landoj, multaj nederlandanoj tial fariĝis ateistoj. En Amsterdamo triono de la enloĝantoj, la aliaj du trionoj restis AŬ protestantoj AŬ katolikoj, kiel miaj patrinaj geavoj. Miaj patraj geavoj kaj preskaŭ ĉiuj el la naŭ infanoj ateistiĝis. Konsekvence mi kiel infano neniam aŭdis ion pri dio aŭ pri religio, ĝis mi junuliĝis. Tiam mi hazarde trovis Biblion, komencis legi ĝin, sed post unu paĝo mi ne kapablis plu legi ĉar mi trovis ĉion sur tiu unua paĝo tiom mallogika kaj nescienca, ke mi naŭziĝis. Post tio mi diskutis religion kun kelkaj religiaj personoj, kies kredojn mi trovis ankaŭ sensencaj,



tiom ke post kelkaj jaroj mi spertis la samon kion en la literaturo ofte spertas religiuloj, nome mi havis revelacion. Mi en la resto de mia vivo neniam respertis revelacion. En la revelacio mi volis danki la naturon, ke mi ne bezonas kredi en iun dion. Kompreneble mi povas havi religion sen dio, sed en tiu kazo mi kredas kion eltrovas la sciencistoj, kies eltrovoj daŭre ŝanĝiĝas iomete. Konsekvence, enirante flugmaŝinon, mi kredas en la kapablon de la piloto, kaj ne en iun destinon preparitan. Ŝajnas al mi ke ju pli oni estas religiema, des malpli oni fidas la sciencistojn, kaj mi preferas scii ol kredi. Tiel ankaŭ, mi ne kredas ke mi plu vivos post la morto, ĉar la scienco ne donas al mi informojn. Se mi kredus en Dion, mi trovus Lin ĉiopotenca kaj tial tre kruela kaj hommalama. Ĉiukaze nur gravas, por mi, ke mi ne opiniu ke Bob malpravas, kaj ke Bob ne opiniu ke li pravas kaj ke mi malpravas.

D. Enmigrinte en Aŭstralion en 1952, mi poste lernis, ke oni neniam plantas la en Aŭstralio tre popularan brazildevenan arbon Ĵakarando, malantaŭ sia domo. La tialo estas, ke se oni faras tion, onia geedziĝo fiaskos, rompiĝos. Mi ne scias, ĉu ĉi tiu kredo de la aŭstralianoj ankaŭ devenis el Brazilo, ĉar mi neniam vizitis Brazilon. Fakte en tuta Ameriko mi vizitis nur unu urbon, nome Anchorage en Alasko, kie ĵakarandoj ne povas vivi pro la malvarmo. Antaŭ multaj jaroj mi plantis malantaŭ mia domo unu ĵakarandon, por ekzameni la ĝustecon de tiu kredo. Mi atendis kaj atendis kaj atendis, dum duona jarcento, sed mia geedziĝo ne rompiĝis, do ne fiaskis, ĝis la morto de mia edzino. Konsekvence mi devas konstati ke tiu aŭstralia kredo malveras.



E. Vera plendas pri la manko de malvarmaj ventoj alportantaj pluvojn. Ankaŭ en Melburno ni havas alian veteron ol normale: multe da preskaŭ senventaj kaj sunaj tagoj, ĉar la centroj de la altpremaj regionoj malrapide transiras nian urbon. Ĉiun tagon la temperaturo estas 14 aŭ 15 aŭ 13 gradoj, sen la normalaj grandaj ŝanĝoj pro kiuj Melburno estas fama kaj tial havas la plej interesan kaj ĝueblan veteron en Australio. Konsekvence de la veterŝanĝo mia kamelio jam komencis flori, en la vintro.



F. Sendube ankaŭ pro la klimatŝanĝo, mi nun aŭdas kantojn de aliaj birdoj ol antaŭ kelkaj jaroj. Ĉu en aliaj lokoj de Aŭstralio same ŝanĝiĝis la birdokantoj? Ĉar mi preferas rigardi la figurajn birdojn anstataŭ la verajn birdojn, mi ne vidis tiujn kun la novaj kantoj. Mi cetere ne havas tempon nun rigardi iujn ajn birdojn, escepte de la kukaburoj, kiuj preskaŭ formas parton de mia familio, tiel ke pasintan jaron sesjara pranepo sukcesis tuŝi kaj karesi unu el ili.



*Marcel Leereveld.*



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 2a de julio kvin homoj kunvenis ĉe Cafe Beer Deluxe. Ni babilis, kaj ĝuis varman spican vinon.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 3a de julio ses homoj (inkluzive de unu komencanto) kunvenis ĉe Ross House. Ni babilis, tradukis iom pli da *Mil kaj unu noktoj*, kaj ĝuis bongustegan hejmfaritan kukon de Heather.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

| | |
|---|---|
| Dimanĉon la 9a de julio je 15:00 | Dimanĉa kunveno, ĉe **nova loko:** ACMI Cafe & Bar, Federation Square |
| Lundon la 10a de julio je 18:30 | Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane |
| Sabaton la 29a de julio je 19:00 | Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street |

NUNAJ SEKVANTOJ (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 848 Instagram – 78
Facebook – 295 Telegram – 20
Twitter – 267

*Joanne Johns*



# Odo al Trumpo

**1** En premsonĝo renkontiĝis iam
mi kun Trumpo kaj komprenis tiam,
ke Trumpo estos homgvidanto,
ĉar li estas homa bestmanĝanto.



**2** En Usono, preskaŭ ĉiun lundon,
karesas Trumpo ies hundon.
karesus Trumpo pensiulojn,
ĉar preferas li la malriĉulojn.



**3** Naskiĝis al virino filo.
Dum ludis Trumpo per tranĉilo.
Li donis ĝin al la infano,
ĉar eĉ Trumpo estas homarano.



**4** Amegas Trumpo Esperanton,
kaj li amas ankaŭ nian kanton.
Malamas li bombardi domojn,
ĉar amegas li senkulpajn homojn.

<u>Rekantaĵo kantata inter ĉiuj strofoj!</u>

**5** Ĉe ni floradas Esperanto,
kaj ni laŭdas ĝin per nia kanto,
ĉar baldaŭ, iun belan tagon,
portos Trumpo Esperanto-flagon.



Se laŭdadi volas vi, laŭdadu!
Se laŭdadi volas vi, laŭdadu!
Se laŭdadi volas vi, laŭdu Trumpon pli!
Kaj feliĉaj restu ĉiuj tie ĉi!

*Mi verkis ion, kio espereble amuzos vin kaj viajn multegajn legantojn!* ***Bob Felby***

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Esperanto-Domo Sidnejo




Dimanĉon, la 2-an de julio, okazis la monata kunveno de la Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio en Esperanto-Domo, Sidnejo. Post sukcesa estrarkunveno, estis bongusta tagmanĝo, kaj post tiam, ni aŭskultis al tri mallongaj paroladoj de membroj. Richard Delamore donis al ni ĝisdatiĝon pri Amikumu – kaj la apo kaj la kompanio; Dmitry Lushnikov priskribis sian lastatempan vojaĝon al Britio, Rusio kaj Italio – dum kiu li multe uzis Amikumu-n por trovi lokajn esperantistojn; kaj Alan Turvey menciis kelkajn interesajn faktojn pri sia vojaĝo en aprilo kaj majo al Japanio – kiel "antaŭgustumo" de pli longa parolado en septembro.  Dum la dua kaj tria paroladoj, Richard mallaŭte tradukis samtempe en la anglan por viro, kiu alvenis por veturigi Andrew Spannenberg hejmen. Do feliĉe, nia kunveno iom helpis diskonigi nian amatan lingvon.




Richard parolis pri Amikumu. Aliaj, de la maldekstro: Nicole, Alan, Dmitry, Eckard, Andrew kaj Dimitar. Fotis Jonathan (La bildo estas kunigita el du fotoj)



Raportis *Jonathan Cooper*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★